## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj, |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Itala** | 10 | liroj. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, „Iskar" 79. SOFIO. IV.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Johannes Jaanisto. Kastani—125—1. TARTU.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** Provizore: W. Grolleman, Westersingel 9. CULEMBORG.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Gondokoesoeman 7. pav. JOQJAKARTA.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo.

---

**Varbu por T.A.G.E. Propagandu nian interesplenan revuon!!**

# Bv. pagi vian kotizon!

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

16-a jaro (Numero 2) 1937.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. Winschoten (Nederlando).
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam. (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
Prezidanto de TAGE: Dro Bj. BECKMAN, Konstapelsgatan19 Karlskrona, Svedujo.
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando).
A. VAN HAGE. Zuidwending. Veendam (Nederlando).

## La instruada afero de la fin-ugraj popoloj.

### I. FINLANDO.

#### 1. Popolinstruado kaj eksterlerneja popolkulturado en Finlando.

Por kompreni la hodiaŭan situacion de la fina instruado oni devas ekzameni la estinton ĝis la epoko de la Reformacio. La edukaj institucioj de Finlando developiĝis depost la XVII. jarcento sur bazo de progresiva kaj organika evoluo. La institucioj de tiu epoko — popollernejoj, mezlernejoj kaj la iama universitato de Turku (: hodiaŭ en Helsinki :) — servis la finan instruadon. Pasintjarcente multegaj institucioj kaj institutoj developiĝis.

La radikoj de tiu patriarka kutimo, ke la patro instruas la infanojn skribi kaj legi, devas esti serĉataj en la epoko de la Reformacio. La postulo de la protestantismo: la bibliolegado, rezultis ke ĉiu religia homo scias almenaŭ legi kaj se eble ankaŭ skribi. La iama fina popollernejo estis unu aŭ du-klasa popollernejo kun religia karaktero. Je kompletigo aŭ subteno de ĝia agado estis la migrantaj lernejoj. Ĉi tiuj prizorgis precipe la popolinstruadon en la regiono de la vilaĝoj kaj de la provincoj kun maldensa loĝantaro. La popollernejoj estis sub la kontrolo de la protestanta eklezio, sub kies organizo, gvido kaj administracio estis la fina popollerneja instruado ĝis la sesdekaj jaroj de la XIX. jarcento. En tiu tempo prezentiĝis sub influo de la evoluo de la nacia sentimento, la neceseco de la reformo de la instruado. La reformo estis necesa spirite kaj studmateriale. Oni dankas ĉi tiun reformon al Uno Cygnaeus, protestanta episkopo, nomita „la patro de la fina popollernejo". Cygnaeus donis al la lernejo mondan, ŝtatan aspekton anstataŭ la religia karaktero. Cygnaeus diris unue en Finlando ke je favoro de la nacia evoluo oni devas meti la instruadon sub la servon de la praktika vivo, do, doni la rajton al la postuloj de la burĝa vivo. La registara kunsido de Finlando akceptis la popollernejan studplanon de Cygnaeus kaj la caro aprobis ĝin en 1866. Dum la preparo de liaj reformplanoj Cygnaeus vojaĝadis en Germanujo, Svislando, Aŭstrujo. Lia leĝo.

konas unuavice, kiel lernejsubtenanton nur la politikan komunumon (: urbo, vilaĝo k.t.p. :). La spirito de lia reformo estas tute nova, ĉar li postulas krom la religia kaj eklezia konoj la praktikan instruadon. La eklezian gvidadon anstataŭas la ŝtata. La nova leĝo bonege akcentas la instruist-instruadon. La gimnastiko gajnas en la reformo unuarangan lokon. La praktikan vivon servas la manlaboro (:slöjd:), la ĝardenkulturado. La enkondukon de la manlaboro (: precipe lignoskulptaĵo :) en la lernejon postulis la rapida evoluo de lingnoindustrio, ĉar Finlando estas grandparte arbarkovrita lando. Ĉi tiu ideo de Cygnaeus trovis eĥon en Francujo en la lerneja leĝo de 1882. La eŭropaj ŝtatoj sekvas la ekzemplon. En Hungario oni enkondukas la manlaboron nur en 1905.

Grava novaĵo de la Cygnaeus-a leĝo estas ankoraŭ la unurangigo de la edukado de la geknaboj. La fundamenta lernejo estas kvarklasa vilaĝa kaj sesklasa urba lernejo. La vilaĝaj lernejoj funkcias kun du kontraktitaj klasoj kaj estas aranĝitaj laŭ la bezonoj de la sezonoj kaj de la agrikultura laboro. En la vilaĝaj lernejoj nur tiuj infanoj povas esti akceptataj, kiuj legas kaj skribas, poste se ili jam finis du tiel nomitajn preparajn klasojn. La vilaĝan lernejon frekventantaj lernantoj estas inter 9 kaj 13 jaroj. La sesklasa lernejo funkcias en pli grandaj vilaĝoj aŭ en urboj, ĝi similas al la sesklasa hungara fundamenta lernejo. La lernantoj ĝin frekventas inter 7 kaj 13 jaroj. Jam en 1898 oni havis dekreton, ke ĉiu vilaĝo devas fari distriktojn, en kiuj la lernantoj ne devu iri ĝis la lernejo pli ol 5 kilometrojn. Se en unu distrikto estas 40 infanoj, kiuj estas devigataj frekventi lernejon, la komunumo jam devas organizi lernejon por ili.

La unua popollerneja leĝo de la fina ŝtato estas el 1921. Ĉi tiu deklaras la studdevon kaj progresive transformas la malnovajn instituciojn. Pri la plua instruado zorgas la dimanĉa- kaj la popolaltlernejo. La post germana modelo organizita eksterlerneja instruado estas ankaŭ en la servo de la plua instruado kaj okazas en la kadro parte de la taga, parte de la vespera kursoj. En 1926 oni havis 284 kursojn kun 13.390 partoprenintoj.

Ni trovas en Finlando specialan nordan institucion : la popolaltlernejon kiu funkcias je la demokrata realizo de la ĝenerala kaj nacia ideoj. Oni fondis la unuan finan altlernejon post dana modelo en Kangasala (:1889:). Ĉi tiu estis finlingva. En Porvoo fondiĝis svedlingva popolaltlernejo. En 1926 56 popolaltlernejoj funkcias en la diversaj partoj de la lando. Precipe 18-20 jaraĝaj gefiloj de bienistoj ricevas sesmonatan instruadon. Illi estas ĝenerale privatinstitucioj, subtenataj de ekonomiaj kaj kulturaj societoj, sed ricevas ankau ŝtatan subtenon. Oni ĉi tie havas prelegojn.

La iamaj lernantoj de ĉi tiuj popolaltlernejoj estas la gvidantoj de la vilaĝaj ekonomiaj organizoj, entreprenoj, kulturaj societoj. Benan aktivecon developas la popolatlernejo inter la terkulturistoj,

en kies domoj ni vidas kun metodo kaj kun praktika celo elektitan bibliotekon. La fina bienisto regule legas ĵurnalon, havas telefonon aŭ radion por ke li restu en kontakto kun la mondo malgraŭ lia grandega teritoria izoleco.

Sed oni zorgas ne nur pri la kulturado de la laborista loĝantaro, sed ankaŭ pri la kultura instruado de la industria laboristaro. La tiel nomitaj laborinstitucioj servas ĉi tiun celon. Jam je la fino de la pasinta jarcento komenciĝis movado pri la fondiĝo de tiaj institucioj. Oni aranĝis vesperkursojn por laboristoj, kie prelegistoj konatigis la plej aktualajn fakajn problemojn. La unua tia instituto fondiĝis en Tampere (: 1898:), en la centro de la fina fabrikindustrio. La materialo de la instruado estas: gepatra lingvo (: fina au sveda :), skribaj temoj (: stilistiko:), aritmetiko, librotenado, ia fremda lingvo (: germana aŭ angla :), kantado kaj similaj fakoj. Kiel direktoroj de ĉi tiuj institutoj estas nomitaj instru-homoj, sed la prelegistoj estas petataj de kazo al kazo laŭ la studplano farita de la direktoro.

La popoledukado estas planplena kaj centra sub la gvido de la ŝtato. Sed en la ŝtata kadro la individuaj kaj societaj entreprenoj povas ankaŭ atingi iliajn celojn. La sociaj tavoloj estas en organa kontakto unu kun la alia kaj por tio la tavoloj, kiuj atingis la plej altan kulturan nivelon, ne vivas en hermetika izoleco, sed akceptas kiel naci-moralan devon la partoprenon en la popoleduka laboro. Profesoroj, universitataj studentoj havas grandegan meriton el ĉi tiu vidpunkto.

Oni devas mencii la nombregajn instruajn societojn, kiuj multon faris. En 1874 formiĝis la unua Popolkulturiga Societo (: Kansanvalistusseura :) en Helsinki. Ĉi tiu societo eldonis dum jarcentoj valorajn literaturajn verkojn regulante la tiel nomitan „literaturan komungustumon”. Ĝi komencis ankaŭ la muzikinstruadon de la popolo. Organizis kant-societojn, kantmanifestaciojn, fondis popolbibliotekon. La unua popolbiblioteko fondiĝis en Anjala (: 1803 :). Ĝia plenforta organizo komenciĝis je la jarcentmezo. En 1888 oni havas jam 552 popolbibliotekojn en la provincoj kaj 84 en la urboj. Nombro de la verkoj estas 224.000. Depost la nombro de la bibliotekoj kaj de la verkoj duobliĝis.

Simile aktiva estas la Societo de la Amikoj de la Finaj Popollernejoj (: 1889 :) kaj la Societo de la Amikoj de la Sveda Popollernejo. Jam en 1883 fondiĝis la Fina Eduka Societo (: Suomen Kasvatusopillinen Yhdistys :), kies revuo la Suomen Kasvastusopillisen Yhdistyksen Aikakauskirja estas fin- kaj svedlingva. Pli novaj pedagogiaj revuoj estas Opettajain Lehti ( Gazeto de la Instruistoj ;), la svedlingva Tidskrift för Folkskolan (: Popollerneja Revuo :) kaj la Kasvatus ja koulu (: Eduko kaj Lernejo :).

La nombro de la fundamentaj lernejoj estas inter 9—10.000. Oni havas 72 porinfanetajn lernejojn. Sekta popollernejo ne ekzistas.

Nombro de la lernantoj 426.164 (: en 1926 :). En la urboj oni havas specialajn klasojn por knaboj kaj knabinoj ; en la vilaĝo la klasoj estas miksitaj.

Sekvonte ni skribos pri la finaj mezlernejoj.

**LITERATURO.**

V. K. E. HICHMANN, Suomen kasvatuksen ja opetuksen historia pääpürteisään, Helsinki, 1903. (finlingve).
Finek és észtek, szerk. Teleka Pál, Budapest, 1928. (hungarllingve).
Omint J. : Reformak a fin közaktatásban, 1922. (hungare).
Finnlands Schŭlwesen (1920—25). Kŭrzer Bericht aŭsgearb. f. d. XII Nordischen Schŭlkongress in Helsinki, 1925.
Statistique de l' Enseignement primaire en Finlande pendant l' année Scolaire 1926—27, Helsinki, 1928.
Aperçu Statistique de l' état des Établissements d' Instruction secondaire en Finlande pendant l' Année Scolaire 1928—29, Helsinki, 1930.
Finnotszág oktatásŭgye és kulturája, Néptanitók Lapja, 1931 : 34. sz. (hungarlingve).

Prof. ANDREO GAŬDER,
Molnarstr. 31. Szeged (Hungario).

---

# Anglujo.

Kunveno de Geinstruistoj, kaj aliaj, interesataj pri la instruado de Esperanto, ĉe University College, London, la 9an de januaro 1937.

Profesoro Fawcett, B. Litt., D. Sc. (Universitato de Londono) prezidis, kaj ĉeestis 45 personoj, plejparte geinstruistoj, aŭ edukistoj, el diversaj partoj de Anglujo.

La Prezidanto aludis, kun aprobo, la Kvarjaran Kurson por Altgradaj Lernejoj, kun Demandaroj laŭ la postuloj de la Abiturienta Diplomo, kiun la Edukada Komitato de la Brita Esperantista Asocio pretigis. La lastatempa rekomendo de la Konferenco de Lernejestroj ke oni rekonsideru la devigajn temojn en la abiturienta diplomo, povus ebligi lokon por Esperanto, pro la fakto ke ĝi permesus pli liberan elekton inter la temoj ekzamenotaj.

**1. Raportoj pri lastatempaj spertoj en la instruado de Esperanto en lernejoj.**

a. Fino. Walters, altgrada popollernejo, Ware Herts, diris ke ŝi jam instruas Esperanton depost Septembro, 1936, en du klasoj, 1 kaj 1a (aĝoj 11—12) La pli inteligenta klaso 1 havas tri lecionojn semajne, la malpli inteligenta klaso 1a havas kvar lecionojn. Ŝi esperas ke kompromiso rilate la instruadon de la franca lingvo efektiviĝu, nome : Klaso 1 komencos la francan lingvon post unu jaro da

Esperanto, kaj Klaso 1a eble daŭrigos la lernadon de Esperanto kaj ne lernos la francan lingvon. Ŝi uzas plejparte la Cseh- metodon, kun „Esperanto por Infanoj" kiel legolibron. La lecionoj estas ĝojplenaj por la instruistino kaj por la gelernantoj. Oni ĵus komencas korespondadon. La speciala vizito de Supera Registara Inspektoro, kiu subtenas la lingvon, multe helpis.

b. Sro. Toms, duagrada popollernejo por knaboj, Dagenham Essex, raportis ke li instruas 380 knabojn. Estas nur unu leciono semajne, 50 minutojn, kaj oni ne povas postuli hejmlaboron. Sro. Toms parolis pri la malfacilaĵo kiun oni havas, provante montri ruzulatojn kiuj konvinkus la Edukestraron, kaj detale klarigis la provojn kiujn li faris. La scio, montrita de la knaboj en kelkaj ekzemploj estis bonega, en aliaj estis efektive nula. Tamen li konvinkiĝis ke eĉ por la tiel nomitaj C lernantoj, la studado de Esperanto estas ideala ĉar ĝi povas kreskigi intereson pri lingvoj en tiuj, kiuj estas nelingvemaj. Li substrekis la gravecon de la okullernado, kaj per skribitaj vortoj, kaj per bildprezentado.

c. Fino D. Wilkinson, Demonstracia Lernejo, Leeds, raportis ke pere de la subtenado de lektoro en la Porinstruista Kolegio de Leeds, la Lernejestrino haviĝis la permeson de la Inspektoroj instrui Esperanton en tri klasoj. Ŝi nun instruas kvar sekciojn (proksimume 150 knabinojn) dum unu periodo semajna po 45 minutoj. Ŝia metodo estas miksita, influita de la Cseh-metodo. La Libreto, „Esperanto for Beginners" estas aĉetita de la lernantinoj, kaj ŝi uzas „Esperanto por Infanoj" kiel legolibron. Post la aprobo de la loka inspektoro, oni aĉetis vortarojn kiel parton de la lerneja libro-provizo. Oni korespondas, kaj faras diverstipajn kolektitaĵarojn. Ŝi opinias ke amika simpatio al alilanduloj, kaj konstato pri similaj preferoj, interesoj kaj emocioj estas kreskantaj. Lernantinoj kiuj forlasas la lernejon povas reveni por helpo. Alia instruistino instruas unu sekcion sub ŝia gvidado. Ŝi bonvenigos adresojn por korespondado el aliaj landoj, kaj proponis ke lernejoj en Anglujo mem povu kunlabori korespondante pri fiksitaj temoj.

d. Sro R. W. Hamilton, Liceo, Bishop Auckland, raportis ke li instruas Esperanton en la du unuajaraj klasoj, 1a kaj 1b, po du lecionoj semajne ; Ĉiu po 40 minutoj. La knaboj studas „La Gaja Lernolibro". Post sep aŭ ok semajnoj, oni komencas skribitan laboron, uzante la demandarojn kiuj akompanas la libron. Mezgradaj knaboj komencas korespondi je la fino de tri trimestroj, kaj, montras la leterojn por ke li korektu ilin, sed tio ne estas deviga. Ĉar daŭra instruado ne estas ebla pro manko de tempo, klubo stariĝis post lernejaj horoj. Ĝi kunvenas dusemajne, kaj la programo enhavas instruadon, korespondadon, konversacion, kaj kelkfoje prelegetojn kun lumbildoj, pri landoj vizititaj.

e. Sro Parker, altgrada popollernejo, Edgware Middlesex, raportis

ke li instruas 120 knabojn en kvar klasoj. Ili ĉiuj estas en la unua studjaro, kaj lernas dum kvar lecionoj po 30 minutoj semajne. La lernejestro proponis la instruadon de Esperanto por eltrovi kapablon pri lingvolernado. La plej inteligentaj knaboj povos tiam komenci la francan lingvon, dum la aliaj daŭras en Esperanto-lernado. Sro. Parker opinias ke estas konsilinde ne provi tro rapidan instruadon en tia lernejo. La knaboj montras viglan intereson.

f. Sro. Goodes, duagrada popollernejo, Romford, Essex, raportis ke oni starigis trijaran planon en sia lernejo. El la tri grupoj laŭaĝaj en kiun oni dividas la lernejon, la A. klaso el ĉiu grupo lernas Esperanton. Dum la unua jaro oni instruas parolmaniere laŭ la Cseh-metodo ; dum la dua jaro oni faras pli da skriblaboro ; la trian oni ne jam atingis. Unue la Edukestraro rifuzis provizi la librojn, sed poste permesis tiujn, kaj oni uzas Edinburgh vortarojn, kaj „Juna Vivo". Kvar membroj de la stabo instruas. Li opinias ke kelkaj malpli inteligentaj infanoj povas helpi, ĉar ili malebligas tro rapidan lernadon, kaj necesigas relernadon. Nacia lingvo ne taŭgas en Duagrada Popollernejo, sed Esperanto estas ebla.

Multe da diskutado sekvis. Oni ĝenerale konstatis ke parolinstruado, speciale per la Cseh-metodo, estas plejparte necesa en la unuaj gradoj, por doni al la gelernantoj lingvosenton.

Sro Russell Scott (Letchworth) opiniis ke estas grave, havi instruistojn, spertajn pri lingvo-instruo, kiel instruistoj de Esperanto, tial ke oni povu instrui ĝin vivmaniere.

Tiurilate Profesoro Fawcett atentigis pri la fakto ke estas du metodoj de instruado : unu (kiu estas tiu de instruisto pri lingvoj) laŭ kiu oni lernas Esperanton pro ĝia aktuala uzado, kiel celon mem ; la alia laŭ kiu oni povas rigardi Esperanton kiel ilon de edukado, kiel mensan disciplinon, metodon por kulturi la esprimpovon, entute, krom la rezultanta valoro. Dum tiu ĉi lasta scienca metodo, la strukturo de Esperanto kaj ĝiaj klare difinitaj reguloj ricevos la atenton. Ĉi tie estas ĝia parenceco al la orientaj lingvoj.

Kiam oni devas elekti, en supera lernejo, ĉu instrui la lingvon dum unu jaro, en frua aĝo, kaj poste forlasi ĝin, aŭ ĉu instrui en pli alta klaso al malpli junaj gelernantoj, oni decidis ke se la frua instruado suferas je tre limigitaj kondiĉoj, estas pli bone instrui ĝin al pli aĝaj gelernantoj, kiuj havos la eblecon daŭrigi la lernadon post la lernejaj jaroj (Ne estis sufiĉe da tempo por tiu ĉi parto de la diskutado, kaj la utilo de Esperanto en la fruaj jaroj, kiel bazo por alia lingvo, ne estas menciita).

Fino Tallaent-Bateman (Chapel-en-leFrith, Derbyshire) opinias ke la lasta jaro en la popollernejo estas taŭga tempo, ĉar poste oni povas daŭrigi la lernadon en la vesperaj lernejoj.

Fino Nixon (Birmingham) diris ke se oni eksperimentas en lernejoj, estas pli bone limigi la instruadon ĝis malgranda nombro,

ekzemple en unu klaso, ol etendi gin al kelkaj klasoj. Oni povas atenti la korespondadon pli zorge, kaj kontentige.

*Ĝenerale oni havis la ideon ke laŭvolaj kursoj post lernejaj horoj ne estas sukcesplenaj, tamen en kelkaj lokoj tiuj ĉi kondukis al oficiala instruado en la lernejo mem.*

(Estas necese diri ke la raportoj faritaj estis tiuj de geinstruistoj kiuj lastatempe instruas. Kelkaj aliaj lernejoj kie oni instruas Esperanton dum longa tempo ne estas petitaj raporti, kaj aliaj geinstruistoj ĉeestis kiuj jam komencas instrui, sed opinias ke ili ankoraŭ ne havas sufiĉe da sperto).

Kelkaj aludis la avantaĝojn pri vizitoj de interesatoj, ekzemple Sro. Butler, Fino Saxl kaj aliaj.

**2. Grupoj en Lernejoj.**

Oni legis detalan kaj interesan raporton de Sro. Wetherill, altgrada lernejo, Sheffield. Ĝi priskribis, kiel la Esperanto Klubo kreskis el „Mondafera Societo", kiu estas subtenata de la knaboj, instruistoj, kaj vizitata de parolantoj de ekster la lernejo. La lernejo jam praktike interesis sin pri vojagoj al aliaj landoj, kaj reciprokaj vizitoj, do Esperanto sugestis rimedon por pligrandigi la intereson.

Per la helpo de instruisto kiu instruas la geografion, Esperanto-klubo stariĝis je la komenco de la antaŭa trimestro, kun 34 anoj. Tiu ĉi klubo filiiĝis al B.E.A. La du instruistoj dividas la instrulaboron, kaj la edzinoj, kiuj multe interesiĝas, kelkfoje partoprenas. La Klubo kolektas gvidlibrojn, ĵurnalojn kaj gazetojn por la biblioteko, kaj pligrandigas sian scion geografian per korespondado.

Sro. Wetherill faris kelkajn proponojn inter kiuj estas : internacia Esperantista tendaro ; malkaraj ekskursoj al aliaj landoj ; vizitoj inter Esperantistaj grupoj en Britujo mem ; gazeto por gejunuloj ; provizo de propagandaj poŝtkartoj ; materialo por grupbibliotekoj ; kaj aliaj pli ambiciaj proponoj.

Pro manko de tempo, oni ne povis diskuti la proponojn, sed oni esperas ke kooperado en tiu ĉi rilato povos efektiviĝi per korespondado kun la Sekretario de B.E.A. Tiu ĉi sinjoro konstatis ke oni ja povas provizi folieton kaj malgrandajn librojn en Esperanto ; junulkaravanoj povus esti aranĝataj se estus sufiĉe da subteno ; oni provas aranĝi eksperimentan tendaron por knaboj tiun ĉi jaron en Anglujo ; la propono pri legmaterialo por gejunuloj en la B.E. eble ricevos atenton.

**3. Alilandaj Libertempoj.**

Oni forte opinias ke tiuj estas dezirindaj, kiel stimulo al lernado, kaj kiel okazo, uzi Esperanton.

Fino Moxon (Southend) emfazis ke korespondado ne sufiĉas, kaj ke ni Esperantistoj klopodu aranĝi malkarajn libertempojn tiel, kiel aliaj organizaĵoj.

Sro. Goodes parolis pri ekskursoj de lernantoj jam aranĝitaj, kaj diris ke Esperanto tiam helpis al la gvidantaj instruistoj, sed ne al

lernantoj, ĉar ne sufiĉe da lernantoj sin trovas en la lokoj vizititaj. Li rekomendis la publikigon de listoj de lokoj, kie gelernantoj studas Esperanton, kaj oni sugestis ke T.A.G.E. povus helpi en tiu ĉi direkto, kaj ke listo de lernejoj kie oni instruas Esperanton povus aperi en la jarlibro de I.E.L. [1])

Fino Walters diris ke sparkasoj estas necesaj, kaj eble societoj kiel „Gepatraj Societoj" volus helpi al malriĉaj infanoj.

Fino. Nixon diris ke la Internacia Cseh-Domo en Arnhem estas preta akcepti grupojn el lernejoj, kaj ke ŝi mem aranĝas konduki areton da pli aĝaj lernantinoj dum la somero. Ŝi ankaŭ aludis la eksperimenton faratan de Tinker's Farm Duagrada Popollernejo, Northfield, Birmingham, kiu invitas lernantinojn Esperantistajn el aliaj landoj por pasigi semajnon en la lernejo dum Pasko, je malalta kosto.

Kelkaj parolantoj emfazis la neceson, distingi inter la aĝoj 11- 15 kaj 15- 18. Apartaj aranĝoj estas taŭgaj, ĉar la interesoj kaj sintenado de la du grupoj estas tute malsimilaj.

**Esperanto en la Abiturienta Diplomo.**

Fino Nixon, kiel sekretario de la Edukada Komitato de B.E.A. raportis ke proksimume 20 ekzempleroj de la Kvarjara Kurso por Lernejoj kun la demandaroj laŭ la stilo de la abiturienta diplomo, estas senditaj al la Estroj de Lernejoj kie oni montras intereson pri Esperanto. Laŭ la respondoj ĝis nun ricevitaj, estas klara ke la temaro devos multe reorganiziĝi se oni volas enmeti Esperanton kiel temon por la diplomo.

Dro. Fisher, lernejestrino de Bishop Auckland County School proponis, ke oni povus prezenti Esperanton kiel postdiploman temon, kiel ekzemple higienon.

Ŝajnas, ke la Edukada Komitato de B.E.A. ne povas fari pluan paŝon, ĉar la iniciativo devas veni el la lernejoj mem.

Profesoro Fawcett klarigis la agadmanieron, laŭ kiu devas agi ia lernejo kiu volas peti la aprobon de la Aŭtoritatuloj por nova temo.

La kunveno tiam finiĝis per kora danko al la Prezidanto, kiu tiel lerte kaj simpatie gvidis la diskutojn.

V. N-n.

[1]) La T.A.G.E. statistiko jam helpas iom. Por la estonto ni tre petas anoncadon de infan-kursoj al nia prezidanto. (Red.)

# Cseh-metodaj infankursoj. [1])

Kun plezuro mi akceptis la proponon de la estimata sinjoro prezidanto de „T.A.G.E.", skribi en via ŝatata „I.P.R." artikoleton pri miaj spertoj rilate al Cseh-metodaj infankursoj.

La demando: Kiel gvidi Esperanto-Kursojn por infanoj? okupis min jam tuj post mia Esperantistiĝo antaŭ ok jaroj. Tiam mi ankoraŭ instruis fremdajn naciajn lingvojn en Berlino.

Ankaŭ en mia alilingva instruado mi preferis la rektan metodon — do sen uzo de la gepatra lingvo. Mi ĉiam konstatis, ke laŭ ĝi la gelernantoj lernas pli rapide pensi kaj paroli en la lingvo lernata. Pleje mi aplikis en mia lingva instruado la konatan Berlitz-metodon. Ĝi estas uzebla nur por plenkreskuloj.

Por Esperanto-kursoj al infanoj ekzistas pluraj rektmetodaj lernolibroj: kelkaj el ili estas tre praktikaj kaj allogaj por infanoj. Sed preskaŭ ĉiuj tute sensisteme kompilas la instruotan materialon. Ili miksas malfacilajn partojn inter la facilaĵojn de la komenco kaj uzas multajn antaŭe ne pritraktitajn vortojn. Tiamaniere traduko en la gepatran lingvon fariĝas neevitebla. Sed ĉu tiam oni rajtas paroli pri „rekta metodo"?

Feliĉaj estas ni Esperantistoj, ĉar ni jam posedas, metodon, kiu evitas la ĵus cititajn malbonaĵojn, nome: *la Cseh-metodon.*

La Cseh-metodo en si mem estas treege taŭga por infanoj. Laŭ lernolibro — ĉu rektmetoda aŭ nerekta — oni neniam povas atingi tion, kion donas la Cseh-metodo: tute sisteme, laŭorde kaj konsekvence konduki la lernantaron de unu punkto al la alia, gradigi la materialon sentrue, seninterrompe, meti brikon post briko, ĝis kiam la tuta domo estas preskaŭ preta.

Unu el la sekretoj de la sukceso en la Cseh-kursoj konsistas en la gaja atmosfero, kiun la instruisto povas krei. Ĝi rezultiĝas el la psikologiaj principoj de la metodo, La kurso ja ne estas seka lingva instruado, sed vigla konversacio inter instruisto kaj lernanto pri aferoj, kiuj tuŝas la animon de la kursanoj. Tiu flanko de la Cseh-kurso multe allogas ankaŭ la infanojn. Tamen la instruisto devas esti pli severa en tiaj kursoj ol en kursoj por plenkreskuloj. La gajeco de la feliĉaj infanoj ofte ne konas limojn, kaj la instruisto devas fari grandan streĉon, por teni la disciplinon.

En mia hejmurbo Berlino mi gvidis ok kursojn por infanoj kaj gejunuloj de 13—16 jaroj. Ili ne estis „puraj" Cseh-kursoj, ĉar tiam mi ankoraŭ ne bone konis tiun metodon. Dum mia kvarjara ekster-

[1]) Ni atentigas ĉi tie pri infankursoj, pri kiuj S-ro Andreo Cseh verkos artikolserion. Antaŭ kelkaj manatoj, nia prezidanto petis informojn pri tiuj kursoj al fino Saxl. Je nia bedaŭro ni ĝis nun ne povis presi la artikoleton pro spacmanko, sed ni nun faras tion pro la statistiko en la antaŭa numero kaj la proksima konferenco en Parizo, kie oni bezonas materialon por la temo: „Esperanto en lernejoj". (Red.)

landa agado mi gvidis kvar Cseh-metodajn infankursojn. Do entute *mi instruis en 12 kursoj por infanoj*. En ili partoprenis geknaboj de 10—14 jaroj. Preskaŭ ĉiuj vizitis elementajn lernejojn kaj ne havis alilingvajn sciojn.

Mirinde estas, ke tiuj infanoj dum 4—5 monatoj oferis sian ununuran liberan posttagmezon, por *senescepte kaj nedevige* veni al la Esperanto-kurso. En la pasinta jaro partoprenis en mia kurso en Leeuwarden (Frislando) 40 geknaboj. Dum la oficiala finleciono, kiun ĉeestis i.a. ĵurnalistoj, delegitoj de diversaj instruistaj organizaĵoj kaj la instruskabeno, montriĝis, ke la infanoj en la daŭro de kvar monatoj faris bonegajn progresojn. En mia nunjara infankurso en Leeuwarden ĉe la fino de la unua kursduono mi aranĝis malgrandan ekzamenon skriban kaj buŝan. La rezulto estis ĝojiga. Nur unu el la 26 partoprenantoj montris nesufiĉan scion pri la lernita materialo ; 17 atingis bonajn poentojn kaj 8 gajnis premietojn pro tre bona rezulto. La taskojn kontrolis krom mi aliaj geinstruistoj. Ĉe la kursfino la infanoj faros la duan ekzameneton.

Permesu, karaj legantoj kaj gekolegoj, ke mi aldonu ĉitie kelkajn konsilojn rilate al la gvidado de Cseh-metodaj infankursoj :

1. *Ne daŭre apliku la ĥoran respondadon !* Limigu ĝin ! Tre ofte faru al la infanoj apartajn demandojn !

La komuna respondado certe estas bona ankaŭ en infankursoj, ĉar ĝi kuraĝigas la timemulojn. Sed ĝia troa aplikado provokas petolemon kaj malgrandigas la atenton de la infanoj.

2. *Kantadu kun la infanoj !* En ĉiuj landoj ili multe ŝatos tion. Jam en la unua leciono ili povas lerni la simplan ĉen-kanton, konsistantan el nur tri vortoj : „Esperanto, Esperanto, vivu ĝi, vivu ĝi, vivu Esperanto !

Poste ili lernu simplajn infankantojn laŭ konataj melodioj. Ekzistas de nederlanda samideanino verkitaj kantetoj-adaptitaj al la kursaj vortoj.

3. Kelkfoje *aranĝu ludetojn* en la paŭzo aŭ ĉe la fino de la leciono. Modelajn ekzemplojn vi trovas en la libro : „Gajaj Vesperoj" de Carl Walter.

4. Rakontu al la infanoj pri la vivo en aliaj landoj, pri la edukado de samaĝuloj tie, pri la disvastiĝo de Esperanto inter la junularo !

5. Post dumonata instruado vi povas jam *instigi la infanojn al korespondado* kun gesamideanetoj en diversaj landoj. Metu anoncon en la Esp.-gazetojn kaj aranĝu letertagon !

6. Se eble *fondu junular-klubon* post kursfino. Tui klubo havu estraron kaj statutojn kiel la aliaj kluboj havas. Ĉiukaze zorgu, ke la infanoj partoprenu en daŭriga kurso !

En ĉi tiu somero oni faris en Nederlando interesan eksperimenton: kelkaj frisaj geknaboj, partoprenintaj en mia infankurso, per tre mal-

multekosta aŭtobusa karavano vizitis siajn gekorespondantojn en Danujo, dum danaj infanoj venis al Frislando. Ambaŭflanke ili estis kore kaj gastame akceptataj en la samideanaj hejmoj. Ili ĝuis neforgeseblan libertempon, el kiu ili ĉiurilate multe profitis.

*Tian infaninterŝanĝon,* kiun multaj lernejoj diverslandaj jam de jaroj sukcese organizas pere de la germana, angla, franca lingvoj, *ni Esperantistoj devus grandskale aranĝi* por la Esperanton lernantaj infanoj. Certe ĝi estas grava, ĉar per tia infaninterŝanĝo ni povos montri la praktikan valoron de nia afero por la junularo.

Eble iam ankaŭ efektiviĝos tio, ke la infanoj kaj gejunuloj el diversaj landoj aranĝos. *Internacian Esperanto-Kunvenon*-similan al la kongreso de la Skoltoj.

Per la Esperanto-instruado al infanoj multaj perspektivoj malfermiĝas antaŭ ni, perspektivoj, kiuj montriĝos benportaj kaj fruktodonaj — se ĉiuj gesamideanoj, kaj precipe nia instruista kolegaro, celkonscie kunlaboros.

Tial ni aranĝu kiel eble plej multajn kursojn por infanoj, por kapti la animon de la nova generacio. Ni eduku nian junularon en la vera senco de interpopola amo, paco kaj harmonio! Ni faru nian eblon, por ke la infanoj de la tuta mondo ekkonu kaj komprenu sin reciproke.

Ĉar konsciu pri tio: La infanoj de hodiaŭ estas la respondecaj ŝtatanoj de morgaŭ!

MARGARETE SAXL.

---

# La olimpia ebrio.

La olimpiaj fanfaroj kaj venkohimnoj, hura-krioj kaj raportoj estas dum dekkvar aŭgustaj tagoj per la radio-ondoj peritaj al pie aŭskultanta mondo. La gazetoj estis plenplenaj de olimpia raportado, kiu rakontis pri fenomenaj tempoj, longoj kaj altoj. La gloro de la nacioj estas pendintaj de dekono de sekundo aŭ parteto de metro. Disreviĝo aŭ malvenko estas sentita kiel nacia hontmakulo, forlavota almenaŭ dum la venonta fortoprovado sur la insulo de Nippon 1940. La internacia sporto estas kreskinta al giganto, kaj al ĝiaj rezultoj oni atribuas gravecon, serioze dubinda por ĉiu, al kies menso la postulo pri ĝustaj kaj prudentaj proporcioj ne estas tute fremda.

Estas timinde ke la okuloj de la kreskanta generacio estas erarigotaj. La korpa faraĵo akiras laŭdon, ne atingebla por la intelekta grandfaro. La sensaciemo de la granda amaso estas satigata per ĉiele altaj rubrikoj pri novaj sportaj rekordciferoj, la silenta kaj diligenta laboro en la servo de la spirita kulturo estas treege pli modesta honorariata. La junularo naĝas kun la fluo. La nigra kuristfenomeno kaj la blanka rekordstariginto de lancoĵetado fariĝas idoloj, kiuj premas ĉion alian periferien. Ne estas troigo, se oni diras, ke la teknike perfektigita kaj speciale trejnita sportisto superas ĉiujn siajn konkurantojn pri la favoro kaj admiro de la junularo, antaŭ ĉio se li povas ekspedi malnovajn tempojn, longojn kaj altojn al la muzeo de la statistiko. Oni vere rajtas timi, ke ĉe granda parto de tiuj, kiuj nun estas en la junaĝo, okazas retaksado, el kiu rezultos pligrandigita estimo pri la korpaj „superhomoj" kaj malpligrandigita intereso pri la spirita genio. Estas preskaŭ tragikomedio aŭskulti la

certecon, per kiu la gejunuloj priparolas naciajn kaj internaciajn nomojn kaj ciferojn ıilate al la sporto. Oni parolas pri la trostreĉo de la infanoj en la lernejoj kaj ne sen kaŭzo. Oni ne volas kaj ne povas forpeli tiun plendon al la mondo de la legendoj, eĉ se oni iam opinias, ke estas iomete troigita. Tiun senton oni precipe ricevas, kiam oni pripensas la diversspecan intereson, kiun la lernantaro dediĉas al la sporto. Kaj oni dezirus, ke tiu eksterordinara memorkapablo, kiun multaj manifestas, kiam temas pri la sporto, ankaŭ aperus en aliaj kunligoj. Tio certe donus kaj al ili mem kaj al la lerneja instruado ĝojon kaj utilon.

Sveda sciencisto, mortinta antaŭ kelkaj jaroj, per iom malfavoraj okuloj rigardis la popularecon, pri kiu la sporta movado jam tre frue povis ĝoji. Li deklaris ĝin esti evidenta antaŭsigno de komencanta renaskiĝo de la perforto. La antipatio kontraŭ tiu „movado de muskoloj" ĉe viro kun akra intelekto sed fragila korpo naskis tiun arogan vorton. Estas ja evidente, ke la sporto povas servi pure idealajn celojn kaj allogi ĉe la individuo multajn bonajn ecojn. Sed en troiga vorto plej ofte sin kaŝas ankaŭ ero da vereco. La ŝovinismo jam trovarmigas la sentojn kaj sur kaj ĉirkaŭ la arenoj, kaj tiu kavalireco, kiun oni volonte volas kombini kun „nobla ludo" ne ĉiam troviĝas. La venko ofte estas gajninda je kiu ajn prezo, kaj tiam la respektemo devas cedi al sovaĝa humoro, kiu ne utilas al la interfratiĝo de la popoloj. Perforte energie okazas tie kaj tie-ĉi batalo pri la rangordo, kies momentoj ne ĉiam estas laŭ humana vidpunkto simpatiaj.

Estus kompreneble vana entrepreno moderigi la junulan entuziasmon por ĉiu ajn sporto per la vidpunktoj de tuta nekomprenemo. Tia intenco ankaŭ ne ekzistas ĉi-tie. Sed oni dezirus sperti la kritikan vekiĝon de la junularo antaŭ la rekord- kaj konkurekscitado, kiu komencas sekvi kaj karakterizi nian sportan vivon, ne nur ekster sed ankaŭ certagrade en la lernejo, kaj antaŭ la danĝeroj de tia evoluo. La gimnastiko kaj la sporto ne devas fariĝi celoj de si mem sed rimedoj, rimedoj en la servo de la individuo, per kiu li povas fari el sia korpo la kiel eble plej bonan ilon por tiuj spiritaj eblecoj, kiujn li ricevis. Ke la konkura momento ne estas tute forigebla, estas sufiĉe komprenebla, sed oni devas teni ĝin kiel stimulon inter konvenaj limoj. La sportgvidantoj rilate al tio havas gravan kaj respondoplenan taskon, precipe en niaj lernejoj. Kiel tro da scio frenezigis multe da homoj, tro da sporto ankaŭ povas frenezigi kaj fari la homon tiel malklarokulan, ke li ne povas difini la rangordon inter la saniga ludo kaj la seriozo de la civitana devo.

(Laŭ ĉefartikolo de „Gazeto por la mezlernejoj de Svedujo").
Esperantigis: B.B.

---

# T.A.G.E. Tribuno.



(El longa letero de nia franca kolego B. pri diversaj aferoj ni presas ĉi sube kelkajn instigojn, opiniante ke ili meritas ĉies atenton. Post laŭdo de la nova aranĝo de IPR, li skribas, ke krom kelkaj bonaj artikoloj, la revuo ankoraŭ ne atingis sian iaman famecon).

„Kontribuas eĉ la enhavon de la organo la nuraj gvidantoj de T.A.G.E., laŭ la subskriboj. Estas tute neatendite, ke la anoj de la plej gravaj sekcioj, nederlanda, sveda kaj ĉeĥoslovaka, tute mutiĝas daŭre. Tamen ili certe havas iom por diri al eksterlandanoj. Iam estis I.P.R., fidela spegulo, en kiun tutmondaj fakuloj povis trovi, apud esprimojn de la diverseco de l' opinioj, plej altvalorajn artikolojn pri edukmetodoj, pri edukscienco en ĉiuj partoj de la terglobo, kaj pro tio I.P.R. estis avide sopirata de ĉiulandaj abonantoj, ĉar fariĝis la fonto al kiu ĝisfunde venis renkonte la novedukaj esp. geedukistoj, seninterrompe ĉerpante el la paĝoj sagacajn materialojn kaj bonegajn aktualajn rimedojn.

I.P.R. povas iri sur pli firma relo, pro la kotizoj de ĉiuj novaj helpantoj ; apud la abonvarbado vi devas nepre rekonsideri la problemon pri pliriĉigo de la enhavo. Ne sufiĉas kolekti monon por plibeligi la veston de la „infano". Ĉu meze de svedaj kaj ĉeĥoslovakaj T.A.G.E-anoj ne estas kompetentaj fakuloj por verki pri edukscienco laŭ enlandaj cirkonstancoj, pri novedukaj eksperimentoj en la lando. Lastatempe mi legis kelkajn interesajn sciigojn en la lasta numero de la „Cielarka Standardo" pri Kooperativoj de Lernantaro en POLIO. Same en nia lando jam ekzistas delonge multaj tiaspecaj organizaĵoj infanaj. Kial oni ne starigus rubrikon en I.P.R. por tiu speco de memstara lerneja aktiveco ? Certe polaj geinstruistoj. plej bone kvalifikataj pro travivitaj spertoj tiurilate, povus malfermi la debaton. Persone mi povus kontribui poste. Sed se tiam silentas la alilandaj k-doj edukistoj pri tiu interesega demando, tiam nia dekomenca laboro fariĝos tute senobjekta . . . .

Se oni verkas artikolon sufiĉe allogan, por ke ĝi stimilu alilandajn gekolegojn sciigi ankaŭ sian juĝon pri la metodoj kaj eventuale proponojn pri edukprocedoj en siaj lando kaj lernejo, aparte kaj ne ricevas la atenditan rekompencon de tiuj kolegoj, tiam oni perdis tempon kaj okupis senutile gravan lokon en la gazeto, dume tiu spaco povus ricevi pli efikan artikolon. Respondecas pri la *enhavo ĉefe la legantoj-abonantoj, senkonteste* . . . .

---

Cercle esperantiste universitaire.
Esperantista universitata klubo.

Siège : Faculté de Droit. Sidejo : Jura fakultato.
15, Quai Claude Bernard, Lyon.

---

Lyono la 25an de Julio 1936.

Estimata samideano,

La rezultatoj de la lastaj voĉdonoj por la Franca Ĉambro de Deputitoj, kaj la baldaŭ efektivigota leĝo, laŭ kiu la deviga lernada periodo estas plilongigota de unu jaro prezentas en nia lando speciale favorajn kondiĉojn, por akceli la oficialan enkondukon de Esperanto en la francajn lernejojn.

Tial nia grupo ne hezitis, preni sur sin grandan taskon. Ni skribis al ĉiuj grancaj deputitoj kaj senatanoj (ĉirkaŭ 950 personoj) la leteron, kies tradukon vi trovos ĉi kune. Sed nia sukceso dependas de samtempa kaj kunordigita agado de niaj samideanoj en aliaj favoraj landoj.

Se grupo da francaj deputitoj proponus enkondukon de E. en la lernejojn provmaniere aŭ „por komenci", ili estus malmulte aŭskultataj.

Se ili proponus tiun enkondukon, aldonante, ke tiu kaj tiu lando estas pretaj agi same, la ideo tuj fariĝus multe pli alloga kaj efika.

Do helpu nin ! Bonvolu diri al ni, ĉu vi estas preta efektivigi en via lando enketon kaj klopodojn similajn al la niaj kaj partopreni en speciala internacia komitato por enkonduko de E. en la lernejojn sub la honora prezido de Fraŭlino Lidja Zamenhof.

Se vi vizitos la kongreson en Wien, bonvolu rilati kun Ges-roj Borel, por pli detale esplori la demandon. En alia okazo bonvolu skribi al „Universitata Esperantista Klubo", Faculté de Droit, Quai 15 Quai Claude Bernard, Lyon, Franclando.

Antaŭdankon, kaj koran saluton.

Por la prezidanto,
Komitatano
E. BOREL.

---

Letero sendita de la Lyon'a Universitata Klubo al la Francaj Parlamentanoj.

Sinjoro { Senatano / Deputito }

La Registaro laboras, por restarigi la prosperecon. Prosperecc necesigas konfidon. Konfido bezonas pacon.

Daŭra paco ne povas esti certigata, tiel longe, kiel la popoloj sin reciproke rigardos kun suspektemo aŭ venĝemo.

En la nuna stato de la mondo. voli garantii la pacon per kontraktoj tio estas agi kontraŭsence. Antaŭ ol malarmigi la brakojn, necesas malarmigi la spiritojn. Necesas unue batali kontraŭ nescio, suspekto, timo, ĵaluzo. malamo, kiuj dividas la popolojn. Necesas ke la popoloj sin konu. sin komprenu reciproke.

Sed la lingvoj estas tro diversaj, tro malfacilaj. Unu sola rimedo: Esperanto, internacia helplingvo, simpla, facila, lernebla de ĉiuj kaj jam uzata en la tuta mondo de centmiloj da homoj. Por prepari pli bonan homaron, necesas, ke la infanoj en ĉiuj landoj lernu Esperanton.

Nia klubo entreprenis enketon ĉe Parlamentanoj de ĉiuj nacioj, (komencante je la nacioj, kies registaro jam favoras nian idealon) por peti. ke ili bonvolu konsideri la demandon pri samtempa enkonduko de E. en la lernejoj de siaj respektivaj landoj.

---

**Letero** de Bulgara Esperanto troeio B.E.A. Esperantista societo „Vekiĝo".

Ŝumen, la, 25an de Junio 1936.

Enketo pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn. (Respondaro al la Demandaro, farita kaj sendita de Registara konsilisto Fritz Stengel m.p., membro de la ŝtata E.-ekzamenkomisiono, kaj de Kalk. konsil. Rudolf Frey m.p. ŝtata ekzam. E.-instruisto.)

1. Esperanto estu enkondukata en la 2 lastaj instrujaroj de l' elementaj lernejoj, Ĉar en la gimnazioj (mezaj lernejoj), kiuj havas 5 klasojn komencante de l' unua gimnazia. oni ekstudas fremdajn lingvojn, do la lernantoj estas tute okupitaj. Sekve ili ne havas tempon por E; ellerninte ĝin en la *Pro*gimnazio, estante 12—13 jaraj, kompare pli liberaj de troŝarĝo, E.-estos al ili kiel *preludo, uverturo,* enkonduko en la lingvosciencon, en la progimnaziaj jaroj (lastaj 3 jaroj de l' fundamenta lernejo. En la lastaj jaroj de l' gimnazio illa tempo estas tute okupita, englutita de seriozaj studoj, kaj neoportune, sensaĝe estus, depreni de ilia tempo parton por E.—. Tiel diktas la kondiĉoj en nia lando!

2. E.—devas esti *devige* instruata, ne *fakultative!*

Ekzemplo: Ĉar laŭ mia sperto el ĉiuj miaj gelernantoj de la 6a klaso de l gimnazioj, al kiuj mia edzino (Jordanka Silvestrieva) kiel lektoro instruis E.—n — oficiale antaŭviditan en la programo de l ministerio de l' popola klerigo — restis preskaŭ meniu esperantisto. Jen la rezulto de l' fakultativa instruado de E.—. Vana la laboro dum 1 jaro. Vana perdo de tempo! Vanaj ankaŭ la materialaj rimedoj por subteni la instituton de pagitaj oficialaj E.—lektoroj!

3. Nun E.—estas elĵetita el la programo de la mezaj lernejoj. Oni malpermesas malfermon de l' kursoj en la gimnazioj. escepte se la instruanto estus profesia instruisto en la gimnazio. responda pri sia konduto kaj influo. Al la lernantoj oni ne permesas partopreni en la privataj kursoj, pro la samaj konsideradoj — por ke la gelernantoj ne deflankiĝu de siaj aliaj laboroj; pro troŝarĝita programo kaj fine — pro timo, ke gelernantoj povus fariĝi adeptoj de maldekstraj doktrinoj.

4. *Nenia* ebleco estas *nun,* ne nur enkonduki E.-n, sed eĉ organizi E.-kursojn en lernejoj kaj por lernantoj.

5. — Ni ne konas nun E.-lektorojn en la altlernejoj.

6. Ekzistis neŝtata E.-ekzamenkomisiono, ĉe Bulgara E.-Asocio, sed ĝi estis ne bone organizita, ĝi ekzistas *laŭnome.*

7. Mi pasie *kontraŭas* al la *fakultativa* lernado de E.- en la lernejoj.

Mi proponas, ke U. E. A., helpata de landaj societoj ĝeneralaj por propagando de E.-, organizadu sisteme, ĉiujare specialajn kursojn por preparado unuforma de

seriozaj instrunantoj — instruistoj, lektoroj de E.-, havigante al ili la plej novajn kaj fruktodonajn metodojn por ellernado de lingvoj. Oni povus peti la ministeriojn de l' popola instruado, ke ili konsentu, almenaŭ faciligi tiujn kursojn oficialajn porinstruistajn, rekomendante la studadon de E.- al profesiaj instruistoj. Kaj al ĉiuj sukcese finintaj poresperantan kurson kaj ekzamenitaj E.-instruistoj la ministerioj oferu ian superpagon kiel rekompencon, eĉ tute modestan.

Oni devas rekomendi per la rezolucio, prenita en la instruistaj fakkunsidoj, akceptita de l' tuta Esperanto-kongreso — al la tutmonda geinstruistaro, vigle partopreni en tiuj kursoj kaj mem savitaj de l' antaŭjuĝoj, siaflanke peti (postuli) delegacie de sia ministerio, organizi tiajn kursojn ĉiujare. Antaŭ ol prepari necesan kaj sufiĉan kontingenton da E.-instruistoj profesiaj, oni ne devas postuli ĝeneralan enkondukon de E.- en la lernejojn.

Ĉar la instruistoj, speciale en nia lando, kun maloftaj esceptoj, sintenas flanke indiferente eĉ malamike al E.-, sub influo de kelkaj de antaŭjuĝoj inspiritaj „instruituloj-kritikistoj, kiuj opinias, ke estas pli utile, lerni la lingvon de „Kafroj" kaj „Buŝmanoj", ol perdi sian oran tempon je ellernado de ia artefarita, nenatura, superflua lingvo internacia (Esperanto).

Estas *necese*, ke gravaj personoj de E.-movade (de U.E.A., E.-akademio, lingva komitato ktp.) vizitu delegacie, sufiĉe nombre kaj kvalite ministeriojn de instruado, de Balkanaj, Europaj aŭ ekstereŭropaj landoj, por oficiale, science, ĝenerale kaj detale klarigi la demandon pri lingvo internacia, pri E.-, ĝia utilo, bezono, disvastiĝo, pedagogia kaj instrua valoroj, kaj favorigi la ministeriojn akcepti E.-n kiel konsiderinda fakto por internaciaj rilatoj kaj amikeco inter la popoloj, en rezulto de tia interveno ili decidu, dediĉi kuraĝe, propravole, parton de sia atento kaj materialaj rimedoj al ĝia instruado kaj oficiala enkonduko.

Se ordinaraj, seninfluhavaŭ personoj, malgraŭ sia obstineco, persisteco, fideleco kaj sindonemeco, volas interveni ĉe la ministerioj de l' popola klerigo, mi dubas, ĉu sekvus ia utila rezulto por oficiala enkonduko de E. en la lernejojn.

Sumen (Bulgario).
Ulica „Otec laisij" 28.

Prezidanto de societo esperantista
„Vekiĝo":
Ilija Silvestriev.

Sekretario: Ilija Theodorov

---

P. J. Cameron — 17 West View, Letchworth, Herts. Anglujo.

Estimata sinjoro,

Pro la okazinta Universala Kongreso en Wien la okazo estas oportuna, fari la jenan proponon pri la instruado de E.- en lernejoj.

Se oni parolus pri „la enkonduko de E.- en la lernejoj de ĉiuj landoj" tio estas kvazaŭ postuli, ke oni donu al ni la lunon. Mia propono kontraŭe estas multe pli modesta kaj tute en la limoj de ebleco. Gi estas:

Oni instigu la Aŭstrian registaron proponi al iu kunvena komitato de la ligo de Nacioj, ke E.-estu instruata sub oficiala observado dum tri jaroj. eksperimente en pluraj lernejoj en ĉiu lando, kaj ke oni prezentu oficialajn raportojn post 1 kaj 3 jaroj. Oni invitu partopreni ankaŭ landojn neliganojn. La Aŭstria registaro povus peti la subtenon de aliaj ŝtatoj — ekz. Holando, Ĉeĥoslovakio kaj la Skandinaviaj ŝtatoj.

Kiel anglo sciante la oficialan sintenon al E.-de la Brita registaro, mi certigas, ke la sukceso de la lingvo internacia dependas ne de Britujo Francujo kaj Germanujo, *sed* de ĝia efektiva uzado inter la *malgrandaj* landoj en kaj ekster Eŭropo. Ĝis la tempo, kiam E.-estos grandskale uzata inter la malgrandaj landoj, la Brita registaro daŭros ignori ĝin.

Bonvolu sciigi al mi, ĉu paŝoj en la direkto de mia propono povas esti farata jam nun.

Kun alta estimo Via samideano

P. J. CAMERON.
Honora vicprezidanto de la Londona Klubo Esperantista.

# Bibliografio.

Unuope senditajn verkojn ni mencias. Duope ricevitajn ni recenzas.



Kun granda ĝojo mi tralegis *„La Juna Vivo"*, ne la konatan monatan revuon de la sama nomo, sed internacian Esperanto-libreton. Ĝi enhavas 15 lecionojn por infanoj, laŭ metodo: lernado per imitado. La metodo jam estas provita per la samspecaj lecionoj en la revuo „La J.V." La materialo estas proponata al la infanoj laŭ agrabla maniero: per bildoj, ludoj, kantoj, dialogoj kaj rakontoj. Mi opinias, ke kompetenta instruanto pere de tiaj lecionoj sukcesos kapti la daŭran intereson de siaj gelernantoj. Granda merito de la libreto estas ke ĝi donas poemetojn kaj *malgrandajn prozaĵojn,* kiujn la infanoj povos lerni parkere. Ni scias, ke ĉiu infano faras tion volonte, kaj ke tia ekzerco efikas bonajn rezultatojn por la lernado de lingvoj. La redaktorino de J.V., kiu prilaboris la lernolibron, sciigas en la antaŭparolo ke la daŭrigo de la 15 lecionoj troviĝas en la dua jarkolekto de la revuo. Mi esperas, ke la debito de la unua libreto ebligos la eldonon de dua, daŭriga volumeto. Tiam niaj kursgvidantoj disponos pri taŭga materialo en faciluzeblaj libretoj Prezo tute modera: 0,20 guld.; 2 fr. fr.; 0.15 dol. plus 15% sendkosto. Adreso: Redakcio Juna Vivo, West-Graftdijk. (N. H.) Nederlando.

Muzikamantoj trovos interesplenan priskribon pri Chopin kaj ties verkoj en 28-paĝa libreto de la eldonejo „Literatura Mondo" (Budapest IX. Mester, u. 53) La titolo estas *„La verko de Chopin"* de M. Biernacki. Tradukis kaj biografion verkis Dr. J. Medrikewicz. Prezo: 0.60 sv. fr.

Ĉe la sama eldonejo aperis agrabla komedio en tri aktoj: *Multe pli la amo",* verkita de L. E. Thomson. La verketo taŭgas por niaj esperantistaj kluboj: la scenejo ne postulas grandajn zorgojn kaj la sep ludontoj certe facile memorigos siajn rolojn. Prezo: 0.50 sv. fr.

Multan dankon Lit. Mondo meritas pro la eldono de la plena verkaro de Dr. Felikso Zamenhof, sub titolo: *Verkoj de Fez,* redaktita de E. Wiesenfeld. Tio, kion la frato de nia Majstro faris por nia lingvo valoras esti konservata por ĉiam, kaj la redaktinto ĉerpis el plena fonto; eĉ el ĝis nun ne konataj fontoj. Bonvenon varman al tia libro. Bela foto de „Fez" ornamas ĝin. Amplekso 272 paĝoj, dukolore presita sur glata papero. Prezo broŝ. 4 sv. fr. K-e.

---

Populara Esperanto Biblioteko No. 13.
La aventuroj de Marteno Drake
eldonita de The Esperanto Publishing Co Ltd.
havebla ĉe Brita Esperanto Asocio
142, High Holborn, London W. C. 1.
Prezo: 3 ŝ. 6 p. (bele bindita). Afranko: 4 p.

Kiu ŝatas facile legeblan aventurromanon, mendu ĉi tiun libron. La romano rakontas la aventurojn de du anglaj knaboj, kiuj en la 18a jarcento forlasas Anglujon por serĉi sian patron, punlaborulon, en Ameriko. La teksto estas zorge korektita.

Iom stranga estas m.o. la vorto „maato". Kial ne subŝipestro aŭ iu alia vorto. Ni uzu neologismojn nur se estas nepre necese. B.

---

# Ĉi tiu listo de lernejoj en Angtujo,

kie oni instruas Esperanton, estas kompilita por helpi al tiuj geinstruistoj, kiuj volas aranĝi alilandajn ekskursojn aŭ korespondadon por siaj gelernantoj.

**Espereble aliaj landoj sekvos la ekzemplon.**

a. Loko kaj tipo de lernejo. b. nombro, aĝo kaj sekso. c. oficiala en la temaro, au postlernejaj horoj. d. adreso por korespondado.

1. a. Worcester. Popollernejo. b. 30 knaboj 12-14. c. oficiala. d. Sro. W. Seveern, 40 Bromyard Road, Worcester.
2. a. Blandford, Dorset Moderna Publika Lernejo. b. 6 knaboj 14-18. d. Sro. F. W. Armitage, „Nia Nomo", Deer Park, Blandford, Dorset.
3. a. Ware, Herts, Altgrada popollernejo. b. 70 geknaboj, 11-12. c. oficiala kaj post lernejaj horoj. d. Fino. Walters, 18 Star Street, Ware, Herts.
4. a. Edgware, Middlesex. Altgrada popollernejo. b. 40 knaboj, 11-12, 14 knaboj, 15. c. obiciala. d. Sro. Parker, 8 Watersfield Way, Canons Park, Edgware, Middlesex.
5. a. Birmingham. Duagrada popollernejo. b. 140 knabinoj, 11-14. c. oficiala d. Fino N. Sheppard, Tinker's Farm Senior School, Northfield, Birmingham.
6. a. Birmingham. Daŭriga taglernejo. b. 30 knabinoj, 16-18. c. oficiala d. Fino. V. C. Nixon, 183, Woodlands Park Road, Bournville, Birmingham.
7. a. Birmingham. Popollernejo. b. 40 geknaboj, 13. c. oficiala. d. Fino Norman, 61 Kingsley Road, King's Norton, Birmingham.
8. a. Dagenham, Essex. Duagrada popollernejo. b. 290 knaboj 11-14. c. oficiala. d. Sro H. G. Toms, 31 Campden Crescent, Dagenham, Essex.
9. a. Bishop Auckland. b. 70 knaboj 11-12. c. oficiala. d. Sro. R. W. Hamilton, West Lea, Bishop Auckland, Co. Durham.
10. a. Leeds. popollernejo b. 150 knabinoj 11-14. c. oficiala. d. Fino. D. Wilkinson, „Briardene", Grosvenor Gardens, Huby, Nr. Leeds.
11. a. Bishop Auckland, Altgrada lernejo. b. knabinoj 11-12. c. oficiala. d. Fino. A. B. Edwards, 10 Ladysmith Street, Bishop Auckland, Co. Durham.
12. a. Bishop Auckland. same kiel 11. b. Knabinoj, 17-18, c. oficiala. d. Fino. Agnes Dixon, Somersby, Cleveland Avenue, Bishop Auckland, Co. Durham.
13. a. Eastbourne. Duagrada popollernejo. b. 40 Geknaboj, 11-14. c. Post lernejaj horoj. d. Sro. W. S. Wigham, Cavendish Senior School, Eastbourne.

## **Karaj geanoj de T. A. G. E.**

URĜA peto al preskaŭ ĉiuj :
PAGU jam nun, kaj poŝtrevene, la kotizon 1937an al la landa agento aŭ rekte al la administranto.

**Ne forgesu !!!**